


Año III (N.º 29)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 5

MAYO 1951

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)




## DEL DICHO AL HECHO...

No hay nada que acredite tan cumplidamente la veracidad de un aserto como la demostración viviente del mismo. Frecuente es oir, cuando se habla de una persona culta, que posee varios idiomas, lo cual, ante quien lo oye, supone una talla cultural poco común.

Lo que nadie pregunta, al oír tal afirmación, es hasta qué grado conoce el idioma extranjero; porque es muy frecuente envanecerse de saber lenguas, cuando apenas se saben balbucear cuatro frases manidas. Traducir medianamente un texto fácil, no es conocer a fondo un idioma, como tampoco lo es el poder manifestar un deseo sencillamente expresable, como preguntar una dirección, hacerse servir un asado con patatas, o un vaso de agua fresca. Todo esto es extremadamente elemental, y no puede constituir una garantía de pericia lingüística.

Saber un idioma es, no solamente poder manifestar con soltura cuanto se desea y piensa, sino poder comprender los distintos matices de una conversación normal y corriente, rápidamente expresada, sin tener que coger de la manga al interlocutor para pedirle que, por favor, vaya más despacio. En una palabra, para poder presumir de saber un idioma, hay que ser capaz de «pensar en él» lo que se va a decir, y no pensar en el idioma nativo, y luego traducir el pensamiento al idioma deseado. ¡Cuán pocos son capaces de realizar lo primero, y, sin embargo, cuántos son los que presumen de «saber» idiomas!

Por eso, habida cuenta de que son millones de personas las que estudian idiomas infructuosamente, a pesar de poseer un nivel cultural y una capacidad asimilativa no comunes, fuerza será admitir la imposibilidad de resolver el problema lingüístico por la adopción de uno de los tres idiomas más corrientes y dominantes en el mundo. La condición esencial para que un idioma pueda ser considerado como nexo para todas las naciones, es que sea fácilmente asimilable por todos, intelectuales y obreros, y que todos puedan beneficiarse rápidamente, después de un corto estudio, agradable y sin torturas.

---

Pletórico de promesas y esperanzas, vuelve a renacer en Portugal el movimiento esperantista, como la floración más bella que puede ofrecernos la tardía primavera de este año. Una noticia tan grata es, para el esperantismo español, algo así como ver salir el sol por Occidente, llenando de claridades el viejo solar ibérico, donde el sincero sentimiento existente de buena vecindad alcanzará ahora, con el Esperanto, su máximo significado. Siguiendo la bravía corriente de las aguas del Tajo, hasta las propias orillas del Atlántico, vuela hoy alborozado nuestro saludo a todos los esperantistas del país hermano, muy especialmente al distinguido amigo Saldanha Carreira, esforzado paladín de siempre, pero nunca como en esta nueva etapa de progreso, que tanta utilidad ha de reportarnos, si sabemos hermanar no solo los sentimientos, sino también los esfuerzos, en la noble tarea de difundir el idioma auxiliar internacional en toda la vasta extensión de la Península Ibérica

---

El Esperanto ha demostrado ser un idioma sencillo, de fácil asimilación por todos, hasta el punto de que pocas semanas bastan a algunas personas cultas para saber redactar cartas, seguir conversaciones y comprender perfectamente una conferencia pronunciada a ritmo normalmente rápido. Todo ello, unido a su neutralidad, le hace ser la única solución al engorroso problema idiomático, pues cualquier otro no sería admitido, por puntillo patriótico, por lo demás muy explicable. Además, la sencillez constitutiva del Esperanto, basada en la lógica, es la causa de que sea muy difícil olvidarlo, lo cual es precisamente el gran escollo de los idiomas, pues todos saben con cuánta facilidad se olvida, por un descuido de pocas semanas, lo que ha costado muchos meses —o muchos años— de aprender.

Por eso, los esperantistas nos impresionamos muy poco por ese poliglotismo tan superficial que justifica el castizo refrán castellano de que hay mucho trecho, del dicho al hecho.

# ESPERANTO KAJ LA SOCIAJ SCIENCOJ

La intima rilato inter Esperanto kaj la Sociaj Sciencoj (ĉefe, Politika Ekonomio) estas nun plej evidenta, se oni konsideras, ke en tiu kontakto,Esperanto ne havas sole la rolon de simpla perilo, t. e. de lingvo por esprimi la diversajn temojn de la pritraktata scienco, kiel okazas kun la fizikaj, naturaj sciencoj aŭ teknikoj. En la okazo de la sociaj sciencoj, Esperanto estas samtempe, pro sia interna ideo de justeco, frateco kaj paco, valora kunlaboranto.

Ni ne devas preterlasi, ke Esperanto, kiel grava kulturfaktoro, kiu favoras ĉies rilatojn, sen distingo de raso, nacieco aŭ lingvo, estas malhelpata en sia disvastiĝo, pro la socia malordo, kiu metas barojn inter homoj kaj landoj. Ni ankaŭ ne devas forgesi, ke ne povas esti paco, se ne foriras la ekonomiaj kaŭzoj de ribelo kaj milito.

Nu, por efektivigi naturan socian bonstaton, laboras la Internacia Unuiĝo por Tervalora Impostado kaj Libera Komerco, kies celo estas stimuli en ĉiuj landoj publikan opinion favoran al la venigo de daŭra paco kaj prospero por ĉiuj popoloj, per progresa forigo de la fundamentaj kaŭzoj de malriĉeco kaj milito, montritaj en la verkoj de Henry George. Por plej trafa efektivigo de tiuj celoj, la Unuiĝo rekomendas, ke la publikaj enspezoj, naciaj kaj lokaj, estu ricevataj per impostado laŭ la valoro de la tero, sen enkalkulo de plibonigoj. Tiel, oni kolektos por la komunumo la ekonomian renton de la tero, kaj oni povos forigi ĉiujn specojn de impostoj, dogantarifoj kaj fiskaj ŝarĝoj, kiuj malhelpas la liberan produktadon kaj interŝanĝon de komercaĵoj.

Por kunlabori kun la esperantista movado, laŭ propono jam prezentita al ĝia 7ª Internacia Kongreso (**Swanwick, Derbyshire,** Anglujo, 14-21 Aŭg. 1949) la Unuiĝo eldonis en Esperanto sian Deklaracion de Principo kaj Agadplano kune kun sia rezolucio pri la individuaj kaj komunaj rajtoj de la tero, en kvarpaĝa broŝuro sub titolo: «La Vojo al Daŭra Paco kaj Ĝenerala Prospero», kiun oni povas ricevi senpage petante ĝin en lingvo Esperanto rekte al

International Union for Land Value Taxation and Free Trade
**4 Great Smith Street LONDON S W. 1 (Anglujo)**

Jen institucio vere salutinda pro ĝia uzo de Esperanto kaj kunlaboro kun nia movado.

**J. ANGLADA PRIOR (Barcelono)**

**Estas petata la traduko kaj represo en la naciliingvaj gazetoj**

...Kaj, post salutoj, venas vico al la paroloj, kiuj fluas agrable laŭ sekvanta maniero:

—Kiel kaj kiam vi fariĝis esperantisto?

—Al staba kolonelo, S-ro Roman Ayza, unu el la unuaj pioniroj de nia movado en Hispanio, mi ŝuldas mian aliĝon al Esperanto. Tio okazis dum somero 1904ª, en Enguera (industriema urbeto en Valencia provinco), kie mi loĝis tiam, kiel oficiala telegrafisto. Tuj, kiam mi estis prezentata, li komencis demandi, «ĉu mi sciis pri la nova progresema movado, ĵus aperinta en la mondo por la bono de la homaro; ĉar la homaro ĝis nun ricevis nur la antaŭenpuŝon de miloj da materiaj aŭ pozitivaj elpensoj, sed progresis preskaŭ neniel rilate al ĉiuj aliaj moralaj kaj spiritaj flankoj...»

Tiel varme kaj entuziasme parolis sinjoro Ayza, ke mi estis devigata, malgraŭ mia idealisma sinteno, heziti pri la stato de lia saĝo, kiun mi imagis momente tute influata de troa optimismo kaj fido.

Fine, li donis al mi dupaĝan propagandan anonceton, kun la dekses reguloj de nia internacia lingvo, folieto eldonita de Hispana Societo por propagando de Esperanto, kies sidejo estis en Murcia kaj kies prezidanto estis S-ro Rikardo Kodorniu, lerta montinĝeniero kaj, oni povas diri, la unua apostolo de nia afero en Hispanio. Miaj antaŭjuĝoj tuj malaperis, kaj mia opinio pri S-ro Ayza plene ŝanĝiĝis, mirakle atingita nur de simpla legado de la dirita folieto; ĉar ĝia mirinda enhavo prezentis al mi, nek pli nek malpli, la tutan esencon de tre bela kaj facilega lingvo, kies gramatikon malgrandigis ĝis nekredebla amplekso la genia talento de iu pola kuracisto. Leginte tiel konvinkigan dokumenton, mi restis jam ligita al ĝi kaj, vole nevole, mi fariĝis tuj esperantisto. Tiun saman tagon, posttagmeze, mi rapidis ree viziti s-ron Ayza, kiun mi jam salutis ŝerce iomete en Esperanto, kio multe plaĉis al li.

Alia feliĉa cirkonstanco devigis min eniri en la esperantan familion. Okazis ke, kiam oni donis al mi la adreson de librejo Serred en Valencio, por aĉeti esperantajn lernolibron kaj vortaron, mi surprize vidis, ke ĝia aŭtoro estis S-ro Inglada Ors, plej meritplena kaj talenta samideano, tre estimata amiko mia, ĉar li estis kunlernanto



# S-ro Fernando Soler Valls

## INSTRUINTO DE INSTRUANTOJ

**Jen alia pioniro de la hispana esperantismo! Li aperas nun en la honora fenestro de la veteranoj: kaj, pere de la bona amiko J. Juan Forné, li rakontas al niaj legantoj siajn impresojn kaj rememorojn, kiuj certe estos plezure legataj de la junaj gesamideanoj, kvankam la malnovaj batalantoj, ne malpli kontente, partoprenos en la samaj aspiroj kaj esperoj, tial, ke ili venis en niajn vicojn kun la sama fervoro, pro la sama sindonemo al la sama idealo de bono kaj belo**

S-ro Fernando Soler naskiĝis en la jaro 1873, en Albaida, bela vilaĝeto en montara angulo de la Valencia regiono. Li studis diligente por fariĝi kompetenta telegrafisto. Kiam li fine aliĝis en la Telegrafa Organizo, li ekkomencis studi la militistan karieron en la Infanteria Akademio de Toledo. Kiel speciala oficiro, li postenis en La Habana (Kubo) kelkajn jarojn. Reveninte en la metropolon, li fariĝis tiel kompetenta esperantisto, ke la lernolibro, kiun li verkis, estis eldonata kvar fojojn. La kursoj, kiujn li gvidis, estas nekalkuleblaj. Bonanima persono kaj sperta fakulo, li rangis en la plej alta posteno, kiun oni povas atingi, en la Hispana Telegrafa Organizo, kiel ties Ĝenerala Revizoro



mia ĉe la Infanteria Akademio de Toledo, ĉar mi ankaŭ estas militisto. Ne estas necese diri, ke mi dediĉis fervore mian tutan liberan tempon al la tralegado de tiuj libroj kaj al la praktikado de la lingvo.

—Kaj de tiam vi fordonis vin al la disvastigado de nia kara lingvo, ĉu ne?

—Jes, memorinda fakto estas mia posta fervora laborado por varbi adeptojn al nia movado, inter miaj amikoj, kio ebligis starigi baldaŭ la societon «Grupo Esperantista de Enguera», kreita kun ĉiuj oficialaj leĝaj permesoj ricevitaj de la Aŭtoritato.

Dume, mi akiris la certecon, ke la plej granda baro, por la lernado de Esperanto, ne sidas en ĝi mem, sed en la malmulta atento, kiun plimulto el la hispanaj lernantoj dediĉas al la gramatikaj aferoj, kiuj tiel necesaj estas por la praktikado de la lingvo internacia. Kaj, tial, mi venis al la ideo verki mian lernolibron ***El Esperanto al alcance de todos***, kiu estas kvazaŭ duobla kurso por hispana lingvo kaj Esperanto; kvar eldonoj jam estas tute elĉerpitaj, kaj la kvina eble eterne elĉerpota... pro la manko de mono, por ĝia eldonado.

—Ĉu vi povas rakonti ion pri la vizito de D-ro Zamenhof al Valencio en 1909?

—Jes, mi bone memoras tion. Okaze de la 5ª Internacia Kongreso de Esperanto, en Barcelono, oni aranĝis postkongreson en Valencio, kie oni akceptis oficiale la aŭtoron de Esperanto kaj 300 gesamideanojn, kiuj vizitis la Barcelonan Kongreson. Unu el la plej emociaj momentoj de mia esperantista vivo estis mia persona konatiĝo kun D-ro Zamenhof. Li vizitis la Valencian Regionan Ekspozicion, kaj li diris laŭdajn vortojn pri ĝi kaj pri nia urbo. Dum tiuj tagoj, kiuj konatigis nian Majstron tra la tuta Valencio, oni sciis, ke D-ro Zamenhof estis lerta kaj zorga okulisto. Sekve de tio, sin prezentis al li malriĉa virino petante, ke li operaciu ŝin pri katarakto, kion tre volonte li faris tre sukcese ĉe kliniko de lia samideano D-ro Aguilar Blanch.

Sed nun, mi nur bedaŭras la fatalan fakton, ke mi estas, pro la peza ŝarĝo de miaj 78 jaroj, sen forto por aldoni pli aktivan helpon al Esperanto, sur mia 50-jara laborado. Tamen, mi esperas, ke aliaj samideanoj heredos la flamon de mia aktiveco.



# EL NOTLIBRO ESPERANTISTA

**En esperantistaj rondoj, kutime, oni akceptas volonte prilingvajn demandojn. Sub tia konvinko ni represas, iom kompile, artikolon de S-ro Teruo Mikami, kiu aperis en la januara kajero de OOMOTO, estimata orienta kolego, organo de Universala Homama Asocio. La fakto, ke temas pri sinceraj opinioj de japana samideano, vere duobligas la valoron de tiu interesa raporteto, kiun certe oni legos atente en la literaturaj vicoj de okcidentaj geamikoj**

...«Tiam Mi redonos al la popoloj lingvon puran, por ke ĉiuj vokadu la nomon de la Eternulo kaj servadu al Li unuanime.» (*Malnova Testamento*, Cefanja, 3.)

Nu, kia estas la pura lingvo, kiun supre mi substrekis? Kun ĉiuj gesamideanoj, almenaŭ, mi opinias, ke ĝi estas Esperanto. Ĝi estas pura en multaj rilatoj, kaj la purecon ĝi ŝuldas al sia simpleco (*).

Sed la simpleco de Esperanto ne signifas, ke Esperanto estas facila. Male, ĝi estas eĉ malfacila por tiuj japanoj, kiuj neniam lernis fremda(j)n lingvo(j)n. Al tiuj japanoj eĉ la uzado aŭ neuzado de la artikolo kaj la plurala finaĵo estas preskaŭ nekonataj. Tial, Esperanto estas por ili tiom malfacila, kiom ilia lingvo por okcidentanoj. Kaj mi plene konsentas kun kritikisto, kiu antaŭ nelonge skribis en tre vaste legata japanlingva gazeto, ke Esperanto, kiel ido de la eŭropaj lingvoj, ne estas tiom facila, kiom emas kredigi la japanaj esperantistoj por propaganda celo.

Sed, por ke Esperanto estu vere universala, mi permesas al mi ĉi tie fari signalon por ĝia estonta sana evoluo. Se la Fundamento de Esperanto jam estas ellaborita kaj akceptita senkondiĉe, kial, do, ne enkonduki la spiriton de «simpleco» de la japana lingvo, se tia ekzistas, nur por senbalastigi Esperanton, aŭ almenaŭ por utiligi ĝin kiel kriterion por estonta evoluado?

Ekzemple, dum ni, japanoj, uzas nur unu vorton: ***naku***, por esprimi ĉiujn blekmanierojn de insektoj, birdoj kaj ceteraj bestoj, la esperantistoj devas esprimi tion per diversaj vortoj, proksimume jene:

(*) *La japana koncepto pri "simpleco" estas samsignifa, ekzemple en te-ceremonio, kun "pureco".*

1) El «Oficiala Vortaro»:

| | |
|---|---|
| la hundo bojas | la cikonio klakas |
| la kato miaŭas | la pigo babilas |
| la bovo muĝas | la mevo krias |
| la kokido pepas | la serpento siblas |
| la kokino klukas | la najtingalo kantas |
| la abelo zumas | la alaŭdo trilas |
| la urso grumblas | la insekto susuras |
| la elefanto trumpetas | la grilo grincas |

2) Neoficialaj vortoj el la «Plena Vortaro» de SAT:

| | |
|---|---|
| la ĉevalo henas | la rano kvakas |
| la porko gruntas | la cikado ĉirpas |
| la koko kokerikas | la turto kveras |
| la lupo hurlas | la kolombo rukulas |
| la korvo grakas | la strigo ululas |

3) Vortoj el «Parnasa Gvidlibro» de Kalocsay kaj Waringhien:

| | |
|---|---|
| la vanelo kvikas | la ansero gakas |
| la kapro mekas | la akcipitro kriĉas |
| | la ŝafo beas |

4) Ceteraj:
la kukolo kukuas
(Laŭ «Esp-Japana Vortaro» de Okamoto).
la muso cincas
*(La fonto estas perdita en mia kajero).*

Se la esprimo «la najtingalo blekas» estas stranga, kial ne diri, ekzemple: la najtingalo nakas, la hundo nakas, la kato nakas, k. t. p.? Ĉu oni aŭdis, ke la insektoj, birdoj kaj bestoj iam konstruis la turon de Babelo? Aŭ, ĉu ni mem konstruis ĝin? Ni disrompu la turon, karaj gesamideanoj!

—

Tie ĉi ne temas nepre pri kontraŭstaro, kontraŭ la uzo de neologismoj, laŭ maniero kiel ofte tio estas pridiskutata. Kvankam mem ne poeto, ankaŭ mi uzas neologismojn kaj eĉ simpatias kun poetoj, komprenante, ke ili bezonas pli abundan kaj riĉan vortoprovizon. Sed ankaŭ en la poezia kampo, mi povas levi danĝeran signalon kontraŭ la ekstremismo, en komparo kun la japana lingvo; sed tio apartenas al alia temo. Nur unu ekzemplon! Mi, denaska japano, ne scias alie diri japanlingve ol per la esprimoj: la «dikfingro de mano» kaj la «dikfingro de piedo», eĉ en poemo. Tamen, oni trovas «polekson» por la unua, en la ***Plena Vortaro***, kaj «halukson» por la dua, en la jam antaŭe aludita ***Parnasa Gvidlibro.***

**Pri la Lingvo Internacia: De unu flanko ekzistas la bezono, de la alia flanko ekzistas perfekta rimedo por kontentigi la bezonon! Tiuj du faktoj estas niaj du plej fortaj punktoj.**

D-ro IVO LAPENNA
Sekretario de la Propaganda Fako de Universala Esperanto-Asocio

# EFICIENCIA DEL ESPERANTO *Réplica a Mr. Bodmer*

*Por el Profesor Alberto Sánchez (Madrid)*

Con algún retraso llega a nuestras manos el libro de Frederick Bodmer:

**The Loom of Language: A Guide to Foreign Languages for the Home Student.**

Se trata de una obra de divulgación lingüística, de gran interés para los no especializados; y como en ella se hace una crítica del Esperanto, tan severa como descabalada, creemos de justicia contestar a su autor para rectificarle caprichosas aseveraciones y puntualizar determinados extremos. Por lo demás, nos parece un volumen de amena y provechosa lectura. Comienza por considerar la historia natural del lenguaje: la evolución de la escritura alfabética, la morfología y la sintaxis.

La exposición y análisis del Esperanto comprende las páginas 460-467. En ellas se resume la rápida y brillante historia de la creación lingüística del Dr. Zamenhof, el extenso número de publicaciones periódicas y traducciones literarias con que cuenta, los principios fundamentales de su gramática y vocabulario. Pero la crítica no puede ser más pueril: por ejemplo, a Mr. Bodmer no le gustan los signos Ĉ, Ĝ, Ĥ, Ĵ, Ŝ, que le parecen poco familiares; podemos objetarle que algunos de ellos —Ĉ, Ŝ— se usan también por los filólogos, en la convención internacional del alfabeto fonético, con igual valor que en Esperanto; y por analogía pueden justificarse los restantes. Elogia los finales vocálicos del Esperanto y la libertad de construcción que le consiente la **-n** del acusativo (que también puede ser de dirección, como ocurría en latín: **Mi iras Londonon**); pero censura la desatención al sentimiento feminista (¡!) que supone el sufijo **-ino**, creando palabras como **fraŭlo** por reversión del original femenino germánico **Fräulein** (fraŭlino). La argumentación no puede ser más fútil, dado que todos los idiomas tienen terminaciones femeninas, aunque ofrezcan en ocasiones raíces distintas para cada género.

La crítica negativa de vocablos como **kafo, konl, kurl, venko,** no puede tomarse en cuenta, por basarla, no en consideraciones de tipo internacional, sino de disconformidad con el léxico inglés.

Otras censuras encierran olvido de elementales cuestiones lingüísticas: se queja Mr. Bodmer de que **sesono** signifique «la sexta parte» y no **season,** como pudiera parecer a primera vista a un inglés. Mas no recoge que la palabra inglesa **season,** correspondiente al francés **saison,** tiene su casi homófona en Esperanto: **sezono;** y entre el inglés **season** y el Esperanto **sesono** hay una diferencia de sonido en la **-s-** igual a la que existe en Esperanto entre **sesono** y **sezono,** es decir entre una **-s-** sorda y otra **s** sonora (representada la última por la letra **-z-,** como en el alfabeto fonético internacional). Diferencia que hace distinguir en francés **poison** (veneno) de **poisson** (pescado), **désert** (desierto) y **dessert** (postre), o en el mismo Esperanto **roso** (rocío) de **rozo** (rosa). El español también tuvo hasta el siglo XVI su **-s-** sonora y su **s** sorda, representada ésta ortográficamente por la doble **-ss-**, distinción fonética que perdura hoy en el catalán y valenciano, lo mismo que en casi todas las lenguas europeas, compárese la pronunciación del catalán **rosa,** idéntica a la del Esperanto **rozo** distinta a la del español **rosa,** pero en la misma línea del fonema **-s-** en **rose** (francés, inglés y alemán). Se rechazan vocablos como **fosilo** y **lernejo,** tachándoles de poco «internacionales», sin darse cuenta de que en Esperanto son términos derivados, y la derivación es una de las facilidades de esta lengua, puesto que permite reducir al mínimo las raíces léxicas.

Por último, molestan a Mr. Bodmer los «excesivos germanismos» del Esperanto, tales como **hundo, haro, jaro, varti, flegi,** etcétera, por las mismas razones «patrióticas» que le mueven a cantar las excelencias de la lengua anglo-americana, por su facilidad y general difusión, para construir el instrumento ecuménico de intercomprensión humana. No será ocioso subrayar que el propio Mr. Bodmer reconoce implícitamente la eficiencia y propagación internacional del mensaje lingüístico de Zamenhof, al afirmar, en la página 443, que para muchas personas **lengua universal auxiliar** es sinónimo de **Esperanto,** pese al centenar largo de idiomas artificiales, elaborados durante los últimos trescientos años.



## NIA KOMPOSTIŜTO, S-RO FERNANDO RODRIGO, GRAVA RADE

En gazeto aŭ ĵurnalo, la redaktoroj verkaj, kompilas, aranĝas kaj distribuas estus vana, sen la zorga laboro de linotipistoj aŭ kompostiŝtoj, kiuj —litero la pensoj de pli-malpli kapablaj aŭtoroj. En malgranda eldonaĵo, se redak ĝia formato, per trajtoj belaj kaj logaj, la rolo de kompostisto fariĝas plej projektoj, ofte ne facilaj laŭ teknika vidpunkto, dependas nur de lia bona vo laboristo kaj skrupula metiisto, jen estas la amiko Fernando Rodrigo, kiun Bulteno, per la sola rimedo de simpla tipometro ĉe la manoj, daŭre baraktan la problemon interpreti la planojn —kaj eĉ fantaziojn— de postulema ĉefre tiel, foje kaj refoje —ho, misteroj de anonimaj klopodoj!— multi agrable k delikataj juveloj... Tial, kiam tiurilataj komplikaĵoj svarmas ĉe multaj koleg laboro de nia kompostisto —kaj la posesivon *nia* fiere ni emfazas!— akiras kreado, kiun iel ni volas jam nun rekompenci per honora eskorto de sin por malkovri antaŭ la esperantista mondo la kaŝitajn kaj tamen efektiva laborante por nobla idealo, ekster la limoj de normala devo, meritas es

# INTER LA PROZO DE LA ESPE

Pro abundo de floroj, densa parfumo ŝvebas en la ĝardenoj; sed... ne al floroj mi emas hodiaŭ atenton dediĉi, ĉar ne nur diantoj kaj rozoj estas emblemo de Majo. En ĉi tiu monato, trono de printempo, iu fortika arbo kaj alia humila planteto reciproke harmonias en la skerco, per la garnituro de siaj ĉarmaj fruktetoj: la ĉerizo kaj la frago! Jes, ili ambaŭ estas, almenaŭ ĉi tie, tipaj frutempaj produktoj aŭ ŝatataj specimenoj de maturaj unuaĵoj. Efemere ili daŭras, sed plene sufiĉe por pompi, kiel plej delikataj frandaĵoj, ĉar en ili ĝentile rendevuas ĉiuj apartaj kvalitoj de floro, juvelo kaj frukto. La ĉerizarboj, ornamitaj per miloj kaj miloj da ruĝaj tre poluritaj globetoj, aspektas nun kiel arboj de fantazio, kiuj liveras rubenojn eĉ al plej mizeraj manoj, kio bedaŭrinde okazas nur en rakontoj pri feinoj... Ŝajne, pro tio, en ĉi tiu sezono, la hispanaj infanoj kutimas garni siajn oreletojn per paro da pendantaj ĉerizoj; kaj ankaŭ pro tio, kredeble, la junuloj el montaro ŝatas kompari kun la ĉerizoj la lipojn de preferataj knabinoj. Kaj samtempe, dum la ĉerizo aroge ruĝas, tra foliaro de alta trunko, la frago sin kaŝas sub malalta planteto, kie, modesta kiel violo, ĝi tute ne celas komparon kun kara juvelo; kvankam, pro ĝia konkreta formo kaj diskreta sinteno, trafe oni povas ĝin kompari kun naiva koreto, ujo de ambrozio, bero de olimpa nektaro elradianta parfumon, kiu meritas konkurenci, pro sia rafinita subtileco, kun tiu de la heliotropo...

Mi ne scias, ĉu la kanto pri tiel malgrandetaj fruktoj enuigos la legantojn, precipe tiujn, kiuj nur scias promeni sur la asfalto de grandaj urbegoj; sed mi bezonis paroli pri ĉerizoj kaj fragoj, ĉar da ili ĵus mi frandis, sub libera ĉielo de milda vetero, kun sana apetito, por akiri forton kaj povi komenci la kutiman taskon gvidi la paradon de oportunaj titoloj, en regula vico de diversaj plaĉaj nomoj, laŭ jena maniero:

HEROLDO DE ESPERANTO estu hodiaŭ en la avangardo, ĉar jam de multa tempo, ke mi ne aludas ĝin en mia revuado pro tio, ke ĝi estas ofta vizitanto en la hispanaj rondoj; sed, en antaŭlasta numero, en sufiĉe maldolĉa artikolo —sukoplena artikolo!— estas kelkaj vortoj, kiujn ĉiu serioza esperantisto devus atente legi: «La privateco de nia entrepreno kelkfoje detenas iujn subteni nin plenkore. Fakte ni restis privataj nur, unuflanke, ĉar oni ne volis akcepti «Heroldon» en la oficialan organizon; kaj, aliflanke, ĉar ni mem neniam volis, al la jam ekzistantaj, aldoni ankoraŭ plian organizaĵon, kvankam estus ja tre facile por ni fondi iun asocion el la kerno de niaj abonantoj. Se siatempe ni estus farintaj tion, ankaŭ ni jam delonge havus organizon malantaŭ nia dorso, por apogi nin. La servojn de nia ĵurnalo oni ĉiam tre volonte uzadis, kaj ni sincere ĝojis pro tio. Cetere, la ekzistado de neoficiala, kaj tial do pli nedependa, internacia Esperanto-organo ankaŭ havas siajn avantaĝojn por la movado.» Mi represas tiujn vortojn kaj marŝas antaŭen en la legado.

NEDERLANDA ESPERANTISTO, nia malnova konato ankoraŭ ne falis en la reton de la «poŝismo». Ĝi svingas siajn

LA ĜOJO DE LA PORTUGALA FAMILIO, PLENE KONTENTA NUN PRO LA NORMALA RES

ADETO EN LA MAŜINO DE NIA ENTREPRENO

buas la tekstojn... sed ilia intelekta strebado
iteron post litero!— donas metalan korpon al
edaktoro deziras kompensi la modestecon de
plej elstara, ĉar la sukcesa efektiviĝo de tiucelaj
ia volo kaj elprovita pacienco. Nu, modelo de konscia
kiun hodiaŭ ni omaĝas. Ekde la unua numero de nia
ktante kun manko de taŭga presmaterialo, li solvis
efredaktoro, obstine provante la manieron, tiel kaj
ble kaj arte la paĝojn de la revueto, kvazaŭ ili estus
olegoj, sen la helpo de similaj volontuloj, la fervora
iras apartajn kvalitojn kaj atingas rangon de spirita
sinceraj vortoj, deĵorantaj apud lia portreto,
ktivajn valorojn de tiu eksperto, kiu, pozitive
s estimon kaj dankon de ĉiu honesta persono.

# ...PERANTISTA GAZETARO

grandajn faldaĵojn, kiel ĉiutaga ĵurnalo, kaj prezentas la kutiman bonegan enhavon. En artikolo «Lingvaj Virtuozoj» mi legis jenon: «La Brita Ministerio por Nutrado eldonis broŝurojn en fremdaj lingvoj pri la porciumado de nutraĵoj, sed la hispana traduko estis tiel malbona, ke hispano, scianta nur la hispanan lingvon, ne povas kompreni ĝin...» MATENRUĜO, la Haarlema folieto, plaĉa kaj simpatia, informas pri tiea parolado de mia bona amiko Schoon, kiu ankoraŭ havas temon por rakonti pri la vizito, kiun pasintjare li faris al mia arbaro. Kaj en la fluo jam de flugimaga vojaĝo, post koraj salutoj al BELGA ESPERANTISTO, mi haltas en la sidejo de FRANCA ESPERANTISTO, kies frontartikolo estas nepre leginda, mi klopodos influi por represo; nun, jen nur la titolo: «Ho, jes... for lingvajn polemikojn!» ESPER-NANTA GAZETETO diligente daŭras en sia gaja stato; ĉio estas vigla kaj freŝa en tiu grupa bulteneto, kiu estas modelo en la speco. Rimarkinda estas la informa rubriko, gvidata de afabla Grilo, kiu ĵus salutis min per tre interesa letero. Kiel du bonaj fratetoj, regule min vizitas la riĉenhavaj gazetetoj de «SAT-amikaro» kaj «Pacista Frakcio». Ili estas zorge legataj. LA INTERLIGILO, centra organo de fakinformoj, raportas pri lastaj eltrovoj de la tekniko. Aparte interesa estas la sciigo, ke la hispana inĝeniero, kiu iniciatis la trajnon TALGO, klopodas funkciigi trajnon per helico, kiel oni faras por aviadilo! FRANCA KATOLIKA ESPERANTISTO, trimonata bulteno, estas plia kolono por la forta konstruaĵo de la katolika esperantismo. Treege interesa estas longa kaj saĝa letero de brazila pastro J. N. Machado. Mi pinĉas nur jenajn vortojn: «... eĉ rilate apostolan spiriton, ofte la katolikaj esperantistoj aperas en pli bona situacio ol aliaj katolikoj nepenetreblaj al esperanta fenomeno.» EUROPANO estas la klara titolo de monata bulteno, por politiko kaj kulturo, kiu aperas en la germana urbo Mainz. Jen aŭskultu, ĉar ĝi mem parolas: «EUROPANO volas esti la voĉo de Eŭropo, el tiu ĉi Eŭropo, kiu nuntempe situas en mezo de la moviĝoj, kaj en kiu la etika sfero ŝajnas esti movata en ĉiuj ĝiaj fundamentaj spacoj. EUROPANO volas defendi Eŭropon, volas federacian Eŭropon, volas la daŭrigon de la okcidenta kristana kulturo!» La ĝenerala tono estas respekta, kio estas garantio de seriozeco por la nova revuo, kiun sendis al mi Dora Schroter, kara amikineto mia, loĝanta en Berlino, la tikla punkto en nuntempa Eŭropo. KULTURA REVUO tute volonte kaj entuziasme informas pri «aktualaj problemoj de la kultura progresado de Slovakio». Muziko, literaturo, teatro, kino, k. t. p. vicas en agrabla ordo. ESPERANTISTA, revuo por Esperanto en Ĉeĥoslovakio, prezentas en ampleksa raporto la tutan agadon de la landa asocio, dum pasinta jaro. LA SUDA STELO, organo de Jugoslavia Esperanto-Federacio, en formato de ilustrita gazeto, kun tre artaj tutpaĝaj fotoj sur la kovriloj, atestas per sia serioza kaj plaĉa enhavo pri kompetenta gvidado de nia afero, cele al praktikaj aplikoj. En artikolo «Kie lamas nia laboro?» oni legas: «ĉu ni atendu, ke neesperantistoj, aŭ la aŭtoritato, rekonu Esperanton kaj per dekreto enkonduku ĝin en lernejojn, k. t. p.? ĉu ni ne similas al tiu, kiu diras: Vi ne prijuĝu la aferon de Esperanto laŭ mia laboro, sed laŭ miaj paroloj?» HELENA ESPERANTISTO plie estas ŝatata gasto pro la sola elvokiteco de sia nomo. S-ro Anakreon Stamatiadis, kiel kutime, filozofas pri etikaj problemoj. La greka lando, kreinta normojn por klasika beleco, ĥoras per sia lingvo senmorta en laŭdoj al la utilo de la moderna Esperanto.

Kaj en tiu ĥoro ankaŭ agordas siajn voĉojn la misteraj estaĵoj de la arbaro, kiuj, en formo de susuro delikata ĉe foliaro, salutas la homojn, eĉ kiam la homoj neas triviale la ekziston de gnomoj kaj elfoj. Sed la poezio ekzistas —benata ĝi estu!— kiel garantio kontraŭ pereo de la fantazio, sub kies egido ekzistas sekure por daŭre povi babili kun vi **LA LEGEMA KOBOLDETO**

...RESTARIGO DE LA ESPERANTO-MOVADO EN SIA LANDO, ESTAS NIA PROPRA ĜOJO!

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● ITALIA.—El Padre Cappuccini, de Roma, ha iniciado la publicación de un periódico en ciclostyle, titulado «Aurora», proponiendo la difusión del Esperanto entre el clero y tendiendo a la constitución de una Liga internacional del sacerdocio católico, a favor del movimiento Esperantista y como un exponente de su importancia.

● FRANCIA.—El Ayuntamiento de Angers ha acordado rotular con el nombre de «Doctor Luis Zamenhof» una calle de aquella culta y laboriosa población.

● BELGICA.—El domingo 13 de Mayo, entre los diversos actos del 35 Congreso Belga de Esperanto figura una misa con sermón, en la lengua auxiliar, por el conocido y elocuente orador sagrado Padre C. Driesen, en la Iglesia Richess-Claires, de Bruselas.

● DINAMARCA.—«Studenta Esperanto-Klubo» organiza para los días del 3 al 17 de Julio próximo un nuevo campamento internacional de estudiantes esperantistas en la isla Bornholm, con subvención del Gobierno danés, para la investigación arqueológica de la época de hierro, bajo la dirección del Museo Nacional de Copenhague.

«S. A. S.», el Sistema de Aeronavegación Escandinavo, ayuda a este encuentro internacional, facilitando pasaje en sus aviones por el precio de un tercera clase en ferrocarril.

● ALEMANIA.—El Servicio Internacional de Ayuda Civil organiza para este verano, en Donaueschingen, un centro internacional de trabajo, para los afiliados esperantistas.

● AUSTRIA.—El Ministerio de Instrucción ha concedido una subvención de 1.000 schillings a la Sección de Enseñanza de «Aŭstria Esperanto-Federacio».

En la Escuela Mercantil de Salzburgo, el profesor Hans Sappl ha introducido la enseñanza del Esperanto, con tan gran éxito que no hay posibilidad de organizar tantos cursos, como estudiantes se han inscrito desde el primer momento.

● CIUDAD DEL VATICANO.—Con motivo de la beatificación del Papa Pío X va a publicarse su biografía en Esperanto para la mayor difusión de sus virtudes.

● YUGOSLAVIA.—«La Junta Central pro Ciegos» ha iniciado la publicación de la revista trimestral en Esperanto «Nia Vivo» en escritura Braille que, como se sabe, es el sistema usado por los ciegos. Esta ayuda de la lengua auxiliar a tan meritoria labor de la organización, es una de tantas muestras de la validez del Esperanto, en cualquier rama de las relaciones humanas sobre todo en las de caracter cultural y humanitario.

● CHECOSLOVAQUIA.—El delegado de U. E. A. en Praga, señor Jaroslav Ŝustr, ha obtenido la inclusión de su nombre en la lista telefónica bajo el epígrafe «Esperanto». Con ello mantiene la norma del delegado de Rabat (véase el número 19 de nuestro Boletín).

Lectoratos de Esperanto funcionan en la Escuela de Estudios Comerciales de Bratislava y en la Escuela Técnica Superior de Praga, seguidos con creciente interés.

● JAPON.—En quince universidades hay organizados grupos esperantistas, siendo de destacar los de las Facultades de Medicina de Maebasi, Tiba, Okayama, Facultad de Agricultura de Niho y Universidad de Osaka. En veinte escuelas de 2.º grado se han organizado también grupos esperantistas, todos ellos con los alumnos más destacados.

El ex Ministro señor Ikegawa, que actualmente se encuentra en Angers (Francia), organizará, a su regreso al Japón, un curso de Esperanto en el Instituto Francés de Tokio.

● ESTADOS UNIDOS.—En las escuelas elementales de Baldwin (Nueva York) y Lynn (Masachussets) se llevan a cabo cursos de Esperanto. En la Escuela nocturna de Spencer (Iowa) también se está desarrollando un curso de la lengua auxiliar, con tal entusiasmo que todos los asistentes son ya miembros de la Asociación Esperantista norteamericana EANA.

● PERU.—El sacerdote chino Padre J. B. Se-Tsien Kao, O. F. M. escritor esperantista y director de la Sección Cultural de la Oficina Central Católica de China, ha llegado a Lima, capital de aquel país sudamericano, desde Hong-Kong. Es de esperar que extienda su influencia, a favor del Esperanto, en todos los centros religiosos y culturales del país.

● ARGENTINA.—Desde la fundación de la «Asociación Esperantista Católica Argentina» (calle Alsina, 736, Buenos Aires) en Pascua de 1943, se han celebrado veinticinco misas con sermón pronunciado en Esperanto, ya que a dicha Asociación pertenecen varios sacerdotes, quienes a la vez propagan fervorosamente la lengua internacional en los Seminarios.

# SCIENCA DISKONIGADO

## PRI MENSA KURACADO

de kuracisto D-ro Rafael Herrero (Valencio)

Ĝis nun, la daŭra strebado de kuracistoj celis nur la resanigadon de la korpo, uzante ĥemiajn kuracilojn, ĉar malmultaj rimedoj povis eĉ modifi la kvalitojn, kiujn oni ĝenerale nomas spiritajn aŭ animajn.

Per materiaj rimedoj aŭ psikaj metodoj, oni mildigis mensostreĉojn aŭ oni reguligis elĉerpitajn nervofortojn. Oni kapablis dormigi furiozulon aŭ vigligi dormemulon, sed oni ne kapablis plivalorigi malfruiĝintan mensokapablon, nek ankaŭ normaligi ne sufiĉe disvolviĝintajn infanojn. Sed nun la ĥemia kuracilaro povas fari multe pli!

La sciencistoj Price, Putnam kaj Waelch konstatis, ke la malsanuloj al kiuj oni kuracis per glutamika acido, por mildigi la epilepsiajn krizojn, plivigligis siajn mensajn kapablojn laŭ jenaj aspektoj: koncentropovo, disciplino, afableco kaj sociemo. Tio jam estas multe pli ol ĝis nun oni atingis, kaj tio kuraĝigis la traserĉantojn uzi la metodon, ne nur ĉe tiuj ne sufiĉe disvolviĝintaj mensoj, sed ankaŭ kontraŭ la epilepsio, oligofrenjo kaj mongolismo. La kontentiga rezulto premiis la paciencajn klopodojn de la sciencistoj; ĉar oni povas nun jam aserti, ke, kiam oni uzas ĝuste la kuracilon, la malsanulo disvolvas sian kapablon dum ses monatoj, tiomkvante ol post tri jaroj, sen la kuracilo.

Tamen, kvankam la sukceso venis multfoje, aliaj malsanuloj tute ne profitis de tiu bonfara agado, aŭ ili bezonis grandajn dozojn da medikamento. Io nekonata malhelpis la regulan agadon de la kuracilo. Oni ne sciis, ke, por ĝi, la glutamika acido bezonas la kunagadon de iu vitamino, kiu funkcias kiel fermento, sen kies ĉeesto ĝi preskaŭ ne efikas. La traserĉoj de multaj sciencistoj (inter kiuj mi devas mencii la hispanon Puig Muset) jen eltrovis. ke tiu vitamino estas la $B_6$, nomata piridoksino, kiu, krom aliajn kvalitojn, posedas tiun: valorigi la agadon de la glutamika acido. De tiam, oni uzas tre kontentige ambaŭ ĥemiaĵojn kunigitaj.

Do, ne nur la psikaj metodoj povas resanigi la malsanajn mensojn, sed ankaŭ la materiaj kuraciloj povas veki kaj krei psikajn kvalitojn. Nu, la vojo ĵus malkovrita estas la enirejo de koridoro, kiu sendube kondukos al gravaj eltrovoj en tiu fako, ĝis nun malmulte plugita. De la mildigo de nervostreĉo, oni venis al stimulo de dormintaj ebloj; nun, oni kreas mensokapablon; ŝajne, morgaŭ, oni povos formi spiritajn kvalitojn laŭvole. Kiu scias, ĉu oni povos eĉ korekti malmoralecon kaj, en la lernejo, laŭ facila kuracado per piloloj, ne nur fabriki scipovajn, sed ankaŭ saĝajn personojn. Jen la vojo kondukanta al celo tute ne atendita; oni atingis la unuan haltejon; la dua, eble, estos la forviŝo de stultuloj kaj kretenoj. Post tio, ĉu ni povos atendi la ĥemian forigadon de krimo, sangavido, malamo, perforto kaj kruelo...?

KLARIGAJ NOTETOJ: *OLIGOFRENJO: Frenezeca mensmalsano.—MONGOLISMO: Denaska speciala misformo.*
*GLUTAMIKA ACIDO: Organika acido, trovebla en la gluteno kaj en kelkaj nutraj fruktoj.*

# INTERLINGVA PARALELO

## ORIGINALO

**No se discurre lo mismo en invierno que en verano. No son iguales los pensamientos de la primavera que los del otoño. No son las mismas las luces del alba, que las del crepúsculo. No se ama igual. No se lee igual. No se escribe igual. A cada uno le va un tiempo. Cada alma es alma más de invierno, más de verano, más de primavera o más de otoño.**

**De un artículo del publicista César González Ruano**

## TRADUKO

Oni ne pripensas same dum vintro ol dum somero. Ne estas egalaj la pensoj de printempo, kiel tiuj de aŭtuno. Ne estas samaj la lumoj de la aŭroro, kiel tiuj de la krepusko. Oni ne amas same. Oni ne legas same. Oni ne skribas same. Al ĉiu konvenas pli ia sezono. Ĉiu animo estas animo pli taŭga por vintro, pli por printempo aŭ pli por aŭtuno.

**El artikolo de publicisto Cezaro Gonzalez Ruano**

## NECESA KLARIGO PRI LA STATO DE LA DEMARŜOJ POR NIA LANDA KONGRESO

Ne tiel facile, kiel antaŭe ni supozis, glitis la afero ĉe la superaj instancoj por atingi la oficialan aprobon al nia landa kongreso. En oportuna tempo, ni faris la koncernan petskribon, sed respondo ankoraŭ ne venis. Interdume, per ĉiuj eblaj rimedoj, ni klopodis scii ĉu nia deziro ĝuas favoran impreson en la aŭtoritataj medioj. Bedaŭrinde, niaj tiucelaj klopodoj fiaskis, ĉar nun, kiam la tempo ege urĝas, ni situas ankoraŭ sur la sama malcerteco, kun aldono de amara konvinko, ke jam ne plu oni povas esperi pri sukcesa nek rimarkinda kongreso, eĉ en la okazo veni la oficiala permeso. Ni konscias, tamen, pri la grava signifo, kiun povas havi simpla kunveno de kelkaj dekoj da hispanaj samideanoj, eĉ nur por amike babili kaj intime konatiĝi. Tial pacience ni atendu, ĝis plej lasta horo, por kongresi en reduktita rondo, sed kongresi nepre, se permeso venas. En venonta numero daŭros la temo

# HISPANA KRONIKO

**SABADELL.**—Inter la progresema loĝantaro de ĉi tiu kataluna urbo, konata centro de teksindustrio, Esperanto estis larĝe disvastigata, jam antaŭ multaj jaroj. Post deviga paŭzo, pro reorganiza periodo, denove viglas nun la Esperanto-Sekcio de la ekskursa societo «Tierra y Mar» kie la entuziasma fraŭlino Bazilia Consul gvidas elementan kurson. Ĉe la grava kooperativo «La Sabadellense» ankaŭ laboras la koncerna Esperanto-Sekcio, kiu zorgas pri regula funkciado de du kursoj: unu por komencantoj, gvidata de S-ro Vilella, kaj alia por progresantoj, sub la kompetenta gvido de S-ro Viladoms. Dank' al trafa sistemo starigi Esperanto-sekciojn, interne de diversaj societoj, la radikoj de nia movado fiksiĝas tie en bonega grundo. En la antaŭe nomita kooperativo, oni ĵus inaŭguris bibliotekon, laŭ iniciato kaj sugesto de la esperantistoj, kiuj ankaŭ aranĝis interesan ekspozicion, okaze de popolaj festoj en la kvartalo, kie troviĝas ilia sidejo. Ĉi tiu publika elmontro de nia universaleco estis parto de la oficiala programo kaj, sekve, vaste anoncata kaj priparolata tra la tuta urbo.

**SARDAÑOLA.**—Proksime de Sabadel kuŝas ĉi tiu bela urbeto, kie nia samideano S-ro Bosch klarigas la unuajn lecionojn de elementa kurso al sciema rondo, kies partoprenantoj ne nur loĝas en Sardañola mem, sed ankaŭ en apudaj urbetoj: Ripollet kaj Moncada. Pri tiuj agemaj fervoruloj, kredeble, baldaŭ oni povos rakonti!

# BONHUMORA ANGULO

### PRI LA AGOJ DE PAPAGOJ

Foje, la grafo de Altaturo organizis grandan feston en sia bela palaco. Estis gastoj la plej elstaraj nobeloj kaj diplomatoj de la ĉefurbo. Kaj ĉiuj povis admiri la pendantan brilianton de la grafino, plej multekosta kaj fama juvelo en la urbo.

Kiam la festo estis en la kulmino, oni aŭdis kelkajn inajn kriojn; ĉiuj haltis tuj, enketante pri la kialo de la okazaĵo.

Oni eksciis tiam, ke la grafino ĵus konstatis la malaperon de la brilianto. Tuj tuje la deĵorantaj policistoj fermigis ĉiujn pordojn kaj malpermesis la foriron de kiu ajn persono de la palaco. Ili intencis traserĉi la invititojn por trovi la brilianton; sed la grafo ne permesis tion, ĉar tio estus insulto al liaj gastoj. Ankaŭ ne la servistojn, ĉar ĉiuj estis fidindaj kaj fidelaj. Post kelka pripensado; la policestro, vidinte belan katon, ordonis ke oni distranĉu ĝin; tamen la dispecigado elmontris, ke la kato ne estis englutinta la brilianton. Oni ripetis la saman esploron ĉe hundeto, kaj poste ĉe simieto, ankaŭ snutile kaj senefike.

Preskaŭ senkuraĝigita, la policestro baraktis en granda konfuzo, kiam li subite rimarkis maljunan papagon, kaŭrante tute libere sur stangeto, en angulo de apuda saloneto. La timoplena papago, kiu estis ĉeestanto en la dispecigado, grimpis sur la plej altajn familiajn bildojn de la saloneto; kaj de tie, laŭte ĝi kriis: «Haltu, haltu! Mi postulas, ke unue oni radiografiu min!».

---

Dum milita tempo, ŝipestro avertis al oficiro, ke la marzono, kiun ili trapasas estas infektita de submarŝipoj. La oficiro, por distri la pasaĝerojn, elmontris siajn magiajn kvalitojn. Post kelkaj elprovoj, li anoncis, ke li malaperigos ĉapelon; efektive, li faris tion malantaŭ nigra tuko; poste, li sukcesis malaperigi karafon; tiam li anoncis, ke li malaperigos papagon.

Li prenis papagon, kiu ĉeestis la kunsidon; kaj, ĵus mem, kiam li svingis la nigran tukon antaŭ la papagon, la tuta ŝipo estis disblovita de torpedo. Kiam la papago rekonsciiĝis, oni vidis ĝin sur la pinto de la masto, duontrempita kaj duonbruligita, dirante plende: «Diablo! La ŝerco estis tro malbongusta!»

D-ro CIRANO

# Ricevitaj Libroj

**EKSPEDICIO KON-TIKI** *de Thor Heyerdahl. El la norvega lingvo tradukis Carsten Bryniidsen; kaj lingve prilaboris Stellan Engholm. Formato: 16 x 23 cm. 208 p. plus 28 aliaj da foto-bildoj, sur speciala papero. Bindita en marblua tolo kun ora surpreso.* **Prezo: 16'75 svedaj kronoj.**

*Eldonita de «Eldona Societo Esperanto»* **Stockholm** *(Svedio). Se membroj de nia Federacio deziras akiri tiun interesan libron ni zorgos pri la mendo.*

La trumpetoj de frua reklamo ne blufis! Jes, la verko, kiun insiste rekomendis anticipe la sveda eldonejo, jam aperis garnita per konkreta sintezo: loga eksteraĵo, streĉa intereso, bonega traduko! Libro posedanta tiajn kvalitojn disradias ondojn de magneta forto, kiu invitas aĉeti ĝin aŭ tentas ŝteli ĝin... por nepre posedi ĝin. Pro escepta privilegio, neniun el ambaŭ rimedoj mi bezonis apliki, por ĝui la plezuron travivi la emociojn de miaj knabecaj jaroj, kiam la romanoj de Jules Verne transformis mian ĉambron en varian scenejon de plej mirindaj aventuroj, kiuj en vero ne alio estis ol puraj fabeloj de riĉa imagkapablo. Sed la libro, kiun ĵus mi legis, estas io alia, io pli valora; ĉar kvankam la impeto de ĝia fantazio borderas la randojn de nekredebleco, la sinsekvo de la faktoj estas efektiva historio, okazinta dum precizaj datoj, regule signitaj en la kalendaro, ĝuste nun antaŭ kvar jaroj —nur kvar jaroj!— de 28. Aprilo ĝis 7. Aŭgusto 1947. Jes ja, EKSPEDICIO KON-TIKI estas viva rakonto pri ses viroj, herooj de nia epoko, kiuj per trunkfloso transpasis Pacifikon, por iri de Peruo al Polinezio, dum daŭro de pli ol cent tagoj. Thor Heyerdahl, gvidinto de la ekspedicio kaj aŭtoro de la libro, volis pruvi sciencan teorion: Kiam la unuaj eŭropanoj ekvojaĝis tra Pacifiko, ili konstatis, ke, meze de la oceano, en vico da izolaj insuloj, loĝadis homoj kun postsignoj de malnova kulturo. Logika demando estas: de kie ili venis? La aŭtoro kuraĝas aserti, ke la blanhaŭta gentestro Tiki, kiun la tieaj popoloj rekonas, kiel sian unuan estron, estas tiu Kon-Tiki, kiu dum la 12ª jarcento, laŭ antikvaj legendoj, estis elpelita el Peruo. Tamen... sekvas plia demando: kiel Tiki kaj liaj viroj, ne havante ŝipojn, venis de Peruo al Polinezio? Heyerdahl senhezite respondas dirante, ke la viroj de Tiki havis flosojn; kaj, kiel moderna Kristoforo Kolombo, kiam la sciencistoj esprimis dubojn pri la ebleco marveturi 8.000 kilometrojn per flosoj, li pretigis decideme novan floson kaj pruvis, per sukcesa ekspedicio, ke estas eble plenumi la longan vojaĝon tiamaniere. La libro priskribas, cetere, ne sen sprito kaj sana humoro, la manierojn per kiuj oni venkis ĉiujn malfacilaĵojn. Sed la atento iĝas streĉa de post la momento, kiam la ses bravuloj restas solaj, navigante sur la naŭ trunkegoj de la floso. Tiam la leganto estas tiel forte kaptita de emocio, ke li mem fariĝas kvazaŭ la sepa pasaĝero de la ekspedicio. Sekvas, unu post alia: jen amuzaj jen danĝeraj epizodoj, ĝis fine, post plej riskoplena albordiĝo, ili haltas en floranta paradizo de polinezia insulo, kie, kvankam regalataj de bonanimaj indiĝenoj, la ekspediciintoj spertas apartan malfacilaĵon: tiun de la lingvaj baroj! Kaj, jam ĉe la lasta paĝo, rigardante bildon de ĉarma bruneta knabino, oni legas la lastajn vortojn:

«... Sur la laguno ĉe Tahití kuŝas ses blankaj florkronoj solaj, moviĝante tien kaj reen, kun la ondetoj kontraŭ la bordon». Tiam oni fermas kviete la marbluajn klapojn de la arta kovrilo, kaj dolĉa melankolio lulas la spiriton per delikataj sentoj, ĉar oni vekiĝis de agrabla sonĝo, en kiu la realo enamiĝis je la fantazio.

Pri la lingvo, kiel jam dirite, ĝi estas bonega; matura frukto, kompreneble, de la rekonata kompetenteco, tiel de la tradukinto, kiel de la reviziinto. Abundas trafaj esprimoj kaj kunmetaĵoj, lerte aranĝitaj, precipe por specialaj terminoj. Sed —ho... jen la tikla vorteto!— sincere mi volas ne silenti pri la troa uzado de la konjunkcio KAJ en korelativa senco; ekz. «Ili tuj ŝanĝis kaj koloron kaj formon». Tiu stilo, diskrete uzata, estas eleganta, sekve, akceptinda; sed sisteme aplikata, kvazaŭ kutime kaj nature, ĝi aspektas kiel ero de intelektula dialekto; tial ke, ĉar kabineta provo, ĝi estas fremda por la ĝenerala gusto de nia internacia popolo kaj en parolo kaj en skribo. Ankaŭ pri alia flanko, malpli grava, mi deziras *grumbli*: temas pri la ĵaluza ŝparemo de komoj, kiu efikas ŝoke tra la tuta libro. Jen du tipaj specimenoj, inter aliaj: «Je la sepa malforta odoro tiklis...» «Ĉirkaŭ ni ni perdis neniun...» Ĉu la klareco, por facila legado, ne petas urĝe ŝovi komon en la spacon inter *sepa* kaj *malforta*, kaj inter la duobla *ni* de la lasta ekzemplo?

Ŝajne, mia admiro por la prilaborintoj de ĉi tiu juvelo iomete tro pliviglis lasthore la dancon de la kritikoj, sed mi apartenas al la skolo de tiuj enamiĝantoj, kiuj, ju pli bela estas ilia amatino, des pli bela ŝin deziras vidi. Apartan gratulon, do, por la kuraĝa eldonejo; kaj, utile gratulante, mi diras: Kara leganto, ŝparu monon, aĉetu ĉi tiun valoran libron kaj montru ĝin al tiuj, kiuj ankoraŭ dubas pri la vastaj perspektivoj de Esperanto. Kaj, certe, vi kaj nia movado avangardos pli sekure kaj firme, sur la bazo de tiaspeca literaturo pri aliaj aktualaj problemoj.

**LUIS HERNANDEZ**

# ☆ LA LERNEJO

**PRILINGVA RUBRIKO**

Tre volonte mi respondas la demandojn de S-ro Arizmendi, el Eibar. En Esperanto la subjunktiva tempo de la verbo ne ekzistas. Oni devas anstataŭigi ĝin, jen per la estonta tempo, jen per la estanta. La frazon CUANDO TENGA DINERO COMPRARÉ oni devas traduki per «Kiam mi havos monon, mi aĉetos», kaj DEME USTED EL DINERO QUE TENGA per «Donu al mi la monon, kiun vi havas». La ordona tempo estas tute litere tradukita ĉar en Esperanto tiu tempo ekzistas, ekz.: TOME SU DINERO = «Prenu vian monon». Pri eliri», oni devas ĉiam diri «eliri el» kaj ne «eliri de». En la dufoja «EL» ne ekzistas eraro, ĉar la unua «EL» montras la agon kaj la dua la lokon. Ne necesas traduki al Esperanto: YO HE SIDO, ĉar YO FUÍ estas sufiĉe klara, kaj ne ekzistas tiu diferenco de nuanco, kiel en la hispana lingvo. Tamen, en kelkaj kazoj estas necese uzi tiun hispanan formon de la verbo, sed por esprimi alian sencon, ekz.: «Kiam mi alvenis, ili estis trinkintaj» = CUANDO LLEGUÉ ELLOS HABÍAN BEBIDO; «Kiam mi alvenis, ili estis trinkantaj» = CUANDO LLEGUÉ ELLOS ESTABAN BEBIENDO; «Kiam mi alvenis, ili estis trinkontaj» = CUANDO LLEGUÉ ELLOS IBAN A BEBER. Mi estas informata, ke vi ne havas instruiston, kaj mi gratulas vin pro viaj progresoj. Salutojn al vi kaj ankaŭ al via amiko S-ro Orea!

**JUAN BOSCH**

# PARA NUESTRO BOLETIN

**(Donativos correspondientes a MAYO 1951)**

| | | |
|---|---|---|
| **Suma anterior** | **519** | **Ptas.** |
| **Anita López (Cullera)** | **15** | » |
| **Santiago Arizmendi (Eibar)** | **5** | » |
| **José Saladrigas (Badalona)** | **10** | » |
| **Daniel Llorens (Valencia)** | **25** | » |
| **Manuel López (Callosa de Segura)** | **5** | » |
| **Agustín Planas (Valencia)** | **10** | » |
| **Juan Llácer (Valencia)** | **10** | » |
| **Alejandro Révalo (León)** | **40** | » |
| **J. López-Ballera (Cáceres)** | **10** | » |
| **Total** | **649** | » |

**Recordamos a los abonados que todavía no han pagado su cotización, que esta puede hacerse efectiva también en dos o tres plazos, pero aun así les rogamos que no descuiden el cumplimiento de este deber a la mayor brevedad. Deben darse cuenta todos que de la aportación económica de cada uno depende la existencia de nuestra Federación que es, y debe ser, obra de todos. Esperamos, que los interesados se apresuren a normalizar su situación.** **EL TESORERO**



## ¡ATENCION, ATENCION!

Tenemos a la venta unas pocas colecciones encuadernadas de nuestro BOLETIN (años 1949 y 1950) a los siguientes precios:

Encuadernación en cartoné. . 75 pts.
Encuadernación en rústica. . 60 pts.
Los pedidos a nuestra administración.

Cantos Hermanos, Impr. - Av. Puerto, 55-Valencia